18-jaro N-ro 4 (195) Aprilo-Majo 1932







OKAZOS EN ANTVERPENO, 14-16 MAJO PROKSIMA.

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj: L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF (†), J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro:

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO

---



---

**Jara kotizo kun abono: Fr. 30,- — Eksterlando: Belgoj 6,-**

---

ANTVERPENO

1932

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

Fondita en 1905.

Honora Prezidanto: **Princo Leopoldo, Duko de Brabanto.**

(Honora Prezidinto: formortinta Generalo Grafo Leman).

**Estraro:**

Prezidanto pro honoro: A. J. Witteryck, Steenbrugge.

Prezidanto: Fr. Schoofs, Kl. Hondstr., 11, r. du Petit Chien, Antverpeno.

Vic-prezidantoj: L. Cogen, Dreef, 52, Drève, Ninove.

P. Kempeneers, r. aux Laines, 20, Wolstraat, Bruselo.

Gen. Sekretario: H. Petiau, St. Lievenslaan, 60, Bd. St. Liévin, Gento.

Kasisto: M. Jaumotte, Avenuo De Bruyn, 44, Antverpeno-Wilrijck.

Direktoro de la oficiala organo: F. Schoofs.

**Komitato:**

**Konstantaj komitatanoj:** Cam. Babilon, L. Champy, M. Elworthy-Posenaer, Fr. Schoofs, W. Van der Biest, Osc. Van Schoor.

**Delegitoj de la Grupoj:**

AALST: Sekcio de B.L.E. — M. Van Wanseele.

ANTVERPENO: « La Verda Stelo », S. s. p. c. — M. Jaumotte, A. Faes

BRUGO: Bruĝa Grupo Esperantista. Yv. Thooris, Ch. Poupeye.

BRUSELO: Esperantista Brusela Grupo. — P. Kempeneers, F-ino Obozinski.

CHARLEROI: Karloreĝa Grupo Esperantista. — A. Henraut.

CHENEE: « Grupo Esperantista » — F-ino L. Baiwir.

GENTO: Genta Grupo Esperantista. — H. Petiau, Cl. Van de Velde

HASELTO: Haselta Grupo Esperantista. — Fr. Van Genechten.

KORTRIJK: Grupo Esperantista.

LIEGO: « *Lieĝa Soc. por la Propagando de Esperanto* ».

« Grupo Esperantista ». — Fern. Derigat.

LIERO: « Liera Stelo ». — Jos. Leflot.

LOKEREN: « Durma Stelo ». — A. Roels.

LOVENO: Grupo Esperantista. — R. De Keyser.

MEĤLENO: Meĥlena Grupo Esperantista. — A. Baesens.

NIEUWPOORT: Grupo Esperantista. — L. Braet.

QUIEVRAIN: Grupo Esperantista. — Jules Lewuillon.

SCHELLEBELLE: « La Verda Stelo ». — Robert De Waele.

SPA: Grupo Esperantista. — J. Desonay.

SCLESSIN-LIEGO: « Grupo Esperantista ». — René Dechesne.

THIENEN: Grupo Esperantista. — Ed. Dewolfs.

VERVIERS: Grupo Esperantista. — Jos. Hérion.

**Juĝantaro pri profesora kapableco:**

Efektivaj membroj: F-ino M. Jennen, L. Cogen, Cl. Vandevelde.

Anstataŭantoj: Oscar Van Schoor, A. Henraut, F. Mathieux.

Kandidatoj al la diplomo bonvolu sin anonci al la ĝenerala sekretario.

**Gazetara Servo:** F. Schoofs, Edg. De Coster.

**Radio-fako:** P. Kempeneers, Lod. Bas.

**Kotizo:** Fr. 30,— jare, inkluzive abono al « Belga Esperantisto »

**Poŝtĉeko: 1337,67** de Belga Ligo Esperantista.

Por la kroniko: la grupoj volu sendi al nia Generala Sekretario sian koncizan raporton **je la 15a de ĉiu monato,** kun sia programo por la sekvonta monato.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de Belga Ligo Esperantista*

Direktoro:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antverpeno
Telefono: 943.74

Abonpagoj kaj aliaj monsendoj al
Poŝtĉeko No 1337.67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj:** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES
H. PETIAU. F-ino R. SPIRA, S-ino J. VAN DER VEKEN, M. DE KETELAERE.


## BELGA LIGO ESPERANTISTA

### ĜENERALA KUNVENO 1932

Antverpeno-Gento, la 1an de Aprilo 1932.

Karaj Geliganoj!

Ni havas la honoron inviti vin por ĉeesti la Ĝeneralan Kunvenon de « Belga Ligo Esperantista », kiu okazos en Antverpeno dimanĉon, 15an de majo 1932, je la 10a matene en la Festsalono de la Urba Lernejo, Quellinstrato, 31, Antverpeno.

*TAGORDO:*

1. Malferma alparolo de la Liga Prezidanto.
2. Raporto de la Ĝenerala Sekretario.
3. Raporto de la Kasisto.
4. 24a Universala Kongreso en Parizo.
5. U.E.A. agado en 1931. Raporto de la Ĉefdelegito.
6. Nia estonta agado. Esploro de la propagandaj rimedoj.
7. Diversaj proponoj kaj komunikaĵoj.

Ni faras varman alvokon por ke oni ĉeestu multnombre nian jaran kunvenon. Oni profitu la okazon por viziti la belan urbon Antverpeno, kies vidindaĵoj estas tre allogaj. Iru pasigi du agrablajn tagojn en Esperantujo, kie oni enspiras la puran aeron, kiu igas la korojn pli altaj, kiu incitas al bono, al toleremo kaj al grandanimeco!

Ni do kalkulas je granda ĉeestantaro kaj intertempe ni prezentas al vi la esprimon de niaj plej sinceraj samideanaj sentoj.

Je l'nomo de « Belga Ligo Esperantista »:

*La Generala Sekretario,*
Henri PETIAU.

*La Prezidanto,*
Frans SCHOOFS.

# XXIa BELGA KONGRESO DE ESPERANTO

## Antverpeno: 14-16 Majo 1932

Honora Prezidanto: Ŝtatministro Frans VAN CAUWELAERT,
*Deputito kaj Urbestro de Antverpeno.*

**Ekpresonte la gazeton, ni ekscias, ke Lia Moŝto la Reĝo Alberto permesis al la jubileanta societo "La Verda Stelo" el Antverpeno, porti la titolon "Reĝa Societo". Tiu fakto estos inde festata je Pentekosto proksima.**

## *La Programo:*

En la lasta numero de « Belga Esperantisto » ni faris alvokon, por ke ĉiuj, kiel eble plej baldaŭ, faru sian devon kaj sendu sian aliĝon al nia XXIa Kongreso, kiu okaze de la Jubileo dudekkvinjara de la loka grupo « La Verda Stelo », havos tiun ĉi jaron sian lokon en Antverpeno.

Ni faris kontraŭpromeson, nome, publikigi en la sekvonta, do nuna numero de nia revuo allogan programon.

Ni hodiaŭ klopodas plenumi nian promeson. Ni tamen devas konstati, ke ankoraŭ multaj el tiuj, kies alvenon ni tre certe antaŭvidas, ne jam sendis sian aliĝilon. Ho! ni scias la 15a de Majo ŝajnas ankoraŭ malproksima, sed tamen sciu, Karaj amikoj, ke la L.K.K. devis jam de nun preni firmajn decidojn. Bona movo estas do necesa. Ke ĉiuj, kiuj ne jam ensendis sian aliĝilon, tion faru nun, sen plua prokrasto. Ĝis la 7a de Majo ni ankoraŭ akceptas aliĝmonon kun rabato (15 fr.), poste 25 fr.

Ni antaŭdankas ilin, kaj atendante la ĝojon ilin saluti ĉe ilia alveno en la havenurbo Antverpeno, ni presas ĉi sube la programon:

### Sabaton, 14an de Majo

*Je la 15a horo.* — Malfermo de la akceptejo, en la funda salono, malantaŭ la kafejo « Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France (kontraŭ la Flandra Operdomo), dekstre, je l'fino de la Avenuo de Keyser, ĉe alveno en la Centra Stacidomo.

*Je la 20a akurate.* — Laborkunsido de « Belga Ligo Esperantista ».

*Je la 21a horo.* — Intima dancfesto.

### Dimanĉon, 15an de Majo

*Je la 8a h. 30.* — Por la katolikoj: Diservo en la preĝejeto de la Kammenstraat, 51, Rue des Peignes (apud la Verda Placo).

Prediko en Esperanto de P-ro De Cort.

*Je la 9a horo.* — Kunveno en « Witte Leeuw », por iri al la monumento de la Militmortintoj (Nacia Banko). Renkontiĝo proksimume je la 9a horo 1/4 kun la ĉeestintoj de la Diservo, sur la Placo Leopoldo.

*Je la 9a h. 30.* — Halto antaŭ la monumento. Floroj.

*Je la 10a horo.* — Solena malfermo de la XXIa Belga Kongreso.

Tiu ĉi kunsido okazos en la festsalono de la Lernejo, Quellinstrato, 31 (apud la Avenuo de Keyser), akceptejo de la XXa internacia kongreso en 1928.

*Je la 12a horo.* — Fotografado, sur la ŝtuparo de la Flandra Operdomo (kontraŭ la akceptejo).

*Je la 12a horo 30.* — Akcepto oficiala en la Urbdomo, Granda Placo.

*Je la 13a horo 15.* — Festeno en la salono de « Billard Palace », Placo de la Stacidomo.

*Je la 17a horo.* — Kunveno de la U.E.A.-anoj *Belga Teritorio* en salono « Witte Leeuw » (akceptejo).

*Je la 18a horo.* — Reiro al la hoteloj por refreŝiĝi kaj eventuale alivestiĝi.

*Je la 19a horo.* — Teatra festo en la salono « Patria », Lange Leemstraat, 122, Longue rue d'Argile (Tramlinioj 2, 15 kaj 17 ĉe la stacidomo, ĝis «Lange Leemstraat » — prezo : 65 centimojn) ; ĉe la malsupreniro, oni turnu dekstren en la strato).

Koncerto kaj prezentado de « *Por Kvietaj Personoj* », unuakta komedio de Emmanuel Van Driessche, traduko de Amatus ; ludontoj « La teatro sekcio de « La Verda Stelo », Antverpeno ; kaj « *Esperanto kaj Amoro* », originale verkita de L. Faes-Janssens, ludota de la teatra sekcio de la « Bruĝa Grupo Esperantista ».

*Je la 21a horo.* — Granda dancfesto, en sama salono.

*Je la 25a horo.* — Fino, kaj grupa rekonduko al la centro (kvaronhora promenado).

(Estos ebleco por la malsatantoj, manĝi en la kafejo de la ejo, bulkojn kaj ordinarajn malvarmajn pladojn, por anstataŭi eventuale vespermanĝon).

**Lundon, 16an de Majo**

*Je la 9 h. 30.* — Kunveno en « Witte Leeuw », Frankrijklei.

*Je la 9 h. 40.* — Foriro al la diversaj ekskursoj. Por la ekskursantoj de la ŝipo, precipe, tre akurata foriro estos necesa. La ŝipo foriros je la 10a horo, ĉe la Steen-muzeo.

*Je la 10a horo.* — Komenciĝo de la vizito de la Muzeoj, Zoologia Gardeno, kaj tiel plu.

*Je la 12 h. 30 horo.* — Komuna tagmanĝo en la restoracia de la 24-etaĝa domo de la Schoenmarkt — Marché aux Souliers (kontraŭ la magazeno de G-roj Faes).

*Je la 14 horo*, trinkado de la kafo sur la teraso de la 10a etaĝo, kun okazo por tiuj, kiuj deziras, supreniri al la 24a etaĝo, de kie oni ĝuas tre belan panoramvidaĵon sur la urbo kaj ĉirkaŭaĵo.

*Je la 14 h. 30*, foriro, al Kte Nieuwstraat, ĉe la komenca halto de la tramlinio 10, al Rivierenhof (Prezo 1 frankon ĝis la provinca parko).

*Je la 15a horo* : alveno. Okazo por sin amuzi kune (sportoj, remado, k. c.).

*Je la 18a horo* : foriro per tramo (linio 10) ĝis la Centra Stacidomo.

Unua deviga foriro por kelkaj malproksime loĝantaj samideanoj, je la 19a horo 6 minutoj.

De la 19a ĝis la 21a estas okazo por ankoraŭ reveturi antaŭ noktmezo al ĉiuj partoj de nia Lando.

---

Jen, Karaj Geamikoj, la programo, kiun ni promesis al vi. Estas tamen nur skeleto de io, kio devas iĝi granda, forta kaj bela ; granda, ni diru, laŭ la nombro de partoprenantoj (tial faru ĉiuj propagandon en via loko, apud viaj geamikoj), forta, laŭ la spirito, kiu cetere ĉiam bone regis dum niaj jarfestoj kaj bela... Kaj la beleco de Kongreso ne tiom kuŝas en la organizado mem de la aranĝoj, sed precipe en la bela, bona kaj gaja humoro, kiun ĉiu partoprenanto devas kunporti en sia valizeto, ĉu li venas el la fundo de Valonujo, aŭ el la pli apudaj urboj de la flandra lando.

Per rido al sukceso!

Antaŭ ol fini ni memorigas: sugestoj pri iu afero, rilante la organizon, oni ĉiam povas sendi al la Prezidanto de la L.K.K., S-ro Jaumotte (Avenuo De Bruyn, 44, Wilryck); aliĝilojn oni senpere sendu al la Sekretario, S-ro Faes, (Schoenmarkt, 16, Marché aux Souliers), kaj la monon oni pagu al Poŝtĉek-numero: 111.910 de la XXIa Belga Kongreso de Esperanto — ANTVERPENO (Wilrijck). LA LOKA KONGRESA KOMITATO.

# 24a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## PARIZO, 30 Julio --- 6 Aŭgusto 1932

LOĜEJOJ:

La L. K. K. organizas servadon pri hoteloj kaj aliaj loĝejoj. La kategorioj kaj prezoj por hoteloj estas jam fiksitaj laŭ la sekvantaj detaloj:

Kategorio A: Ĉambro kun unu lito por unu persono: po ĉambro 35 fr.; ĉambro kun unu lito por du personoj: po ĉambro 55 fr.

Kategorio B: ĉambro kun unu lito por unu persono: po ĉambro 30 fr.; ĉambro kun unu lito por du personoj: po ĉambro 45 fr.

Kategorio C: ĉambro kun unu lito por unu persono: po ĉambro 25 fr.; ĉambro kun unu lito por du personoj: po ĉambro 35 fr.

Kategorio D: Ĉambro kun unu lito por unu persono: po ĉambro 20 fr.; ĉambro kun unu lito por du personoj: po ĉambro 30 fr.

La supraj prezoj enhavas servadon (trinkmonon) kaj impostojn.

La hoteloj en Kategorioj A kaj B estas luksaj; tiuj en Kategorio C estas modestaj sed komfortaj; kaj tiuj en Kategorio D estas simplaj. En ĉiuj la kongresanoj povos esti certaj pri pureco kaj bona servado.

En Parizo, precipe en la pli malmultkostaj hoteloj, estas tre malmultaj ĉambroj kun du unupersonaj litoj; sekve la L.K.K. ne povas fiksi prezojn por tiaj. Se du kongresanoj tamen deziras tian ĉambron, la L.K.K. faros sian eblon por ĝin trovi, sed ne povas garantii. Mendante tian ĉambron, oni pagu kvazaŭ por du unupersonaj ĉambroj; se eventuale la sumo estas troa, la L.K.K. resendos la diferencon.

La hoteloj estos kiel eble plej proksime de la Kongresejo en la Latina Kvartalo; ju pli frue oni mendos sian ĉambron, des pli proksime de la Kongresejo oni loĝos.

La mendilojn por ĉambroj la L.K.K. dissendos post kelkaj semajnoj, kiam la prezoj por loĝado en komunaj dormejoj estos fiksitaj.

La L.K.K. klopodas por trovi komunajn dormejojn en lernejoj, k. t. p., kaj anoncos kondiĉojn kaj prezojn baldaŭ. Intertempe, ĝi povas jam disponi pri tridek ĉambroj en la *Palais de la Femme* (Palaco de la Virino), granda hotelo de la Savarmeo, por virinoj aŭ knabinoj. La Loĝado estas tre simpla, kaj la enloĝantoj devas reeniri la domon iom frue vespere, sed la prezoj estas tre moderaj: 7 fr. 50 po nokto kaj po persono. Ĉiu persono havas apartan ĉambreton. La L.K.K. lokigos en tiuj ĉambretoj la unuajn petantojn laŭvice, sed povas akcepti la petojn nur de pagintaj kongresanoj.

*Blindulo kaso:* ricevis ĝis nun Fr. 1417,75.

*Subvencioj:* ĝis nun sumas Fr. 1828,25.

*Garantia kaso:* ĝis nun sumas Fr. 125.000,—.

*Aliĝoj:* La kvara listo aperis en la 4a numero de « La Gazeto de la XXIVa »: Alĝerio, 1; Aŭstrujo, 1; Belgujo, 22; Ĉeĥoslovakujo, 5; Francujo, 180; Germanujo, 15; Granda Britujo, 22; Grekujo, 1; Hispanujo, 9; Italujo, 5; Jugoslavujo, 1; Nederlando, 16; Polujo, 12; Rumanujo, 1; Saar-ter., 1; Svedujo, 6; Svisujo, 3. Entute: 301 kongresanoj el 17 landoj.

*La PROVIZORA PROGRAMO estis jene starigita:*

*Sabaton* (30 julio) vespere: Interkonatiĝa vespero (muziko, dancado).

*Dimanĉon* (31 julio) matene: Diservoj. — Solena malferma kunsido. — posttagmeze: malfermo de la Somera Universitato. — vespere: unua prezentado de « Knock ».

*Lundon,* matene: Unua laborkunsido. — posttagmeze: Fakkunsidoj, Somera Universitato — vespere: Ŝipekskurso al St-Cloud.

*Mardon,* matene: Dua laborkunsido. — posttagmeze: Fakkunsidoj, Somera Universitato. — Kunsidoj de K. R. kaj Ĝenerala Estraro. — vespere: dua prezentado de « Knock ».

*Merkredon:* Ekskurso tuttaga al Fontainebleau, per aŭtobusoj. Tagmanĝo komuna en la arbaro.

*Jaŭdon,* matene: Tria laborkunsido. — posttagmeze: Ekskurso al Versailles.

*Vendredon,* matene: Kvara laborkunsido. — posttagmeze: Fakkunvenoj. — Somera Universitato. — Kunsidoj de Ĝenerala Estraro. — vespere: Kostumita Balo.

*Sabaton,* matene: Ferma solena kunsido.

*Honora Prezidanto de la Patrona Komitato:* S-ro Paul Doumer, Prezidanto de la Franca Respubliko.

*Kongresa Oficejo:* La Sekretariejo translokiĝis al la Kongresejo mem, la Maison de la Mutualité, 24, rue Saint-Victor, Paris-V; ĉi tiu adreso estas de nun la oficiala adreso de la Kongreso por ĉiuj komunikajoj.

*Ekskursoj:* Jen la listo de ekskursoj jam pridecidítaj, kun prezoj maksimumaj: Paris, matene, Fr. 15,—; posttagmeze, Fr. 15,—. La ekskursanoj veturos en luksaj aŭtomobilegoj, kaj vizitos la ĉefajn monumentojn kaj interesaĵojn de la urbo.

Versailles, Fr. 15,—. La ekskursanoj vizitos la grandan palacon kaj ankaŭ la « Grand Trianon »; de Parizo al Versailles per specialaj vagonaroj. Tiu ĉi ekskurso okazos dum la posttagmezo.

Fontainebleau, Fr. 42,—. La ekskursanoj veturos en luksaj aŭtomobilegoj. Komuna manĝo (en la arbaro de Fontainebleau mem, se la vetero permesos), je malalta kosto. La ekskurso estos tuttaga.

La ĉi supraj prezoj enkalkulas ĉiujn elspezojn, inkluzive de enirpagoj kaj trinkmono. Por ĉiu ekskurso la L. K. K. organizos stabon de kompetentaj Esperantistaj gvidistoj.

*Teatraĵo:* La L.K.K. decidis prezenti en Esperanto dum la Kongreso la mondfaman francan komedion, *Knock,* de Jules Romains. Esperantistaj aktoroj jam famaj en niaj kongresoj ludos la diversajn rolojn.

Krome, la teksto de la teatraĵo estas malmultkoste eldonata en Esperanto de la Centra Librejo Esperantista, por ke kongresanoj povu trastudi la komedion antaŭ ol ĝin aŭdi en la teatro mem. La L.K.K. esperas fari definitivan anoncon pri prezo en la proksima numero de la *Gazeto de la XXIVa.*

# JOHANN WOLFGANG GŒTHE



Ni, Esperantistoj, ne povas preterlasi la okazon, honori homon, kiel Gœthe, kiu antaŭ pli ol unu jarcento en sia verko kaj en sia genio posedis la ecojn, kiujn ni ŝatus trovi en la tuta homaro. Ni ne celas tie ĉi lian talenton, lian majstrecon, ĉar tio ne estus ebla, sed la vera spirito de homaranismo, kiun li montris en siaj agoj kaj en siaj verkoj. Li iam diris, ke li ne konsideris sin kiel apartenanta al ĉiuj la homoj, kiuj parolas la saman lingvon, sed al ĉiuj, kiuj pensas.

Li estis unu el tiuj spiritoj, kiuj posedis dum sia vivo la tutan sciencon, konatan je sia epoko. Ĉar Gœthe ne nur estis literaturisto, poeto, sed ankaŭ scienculo, kaj okupis sian grandan intelekton per la plej diversaj mondaj problemoj.

Dum la lastaj monatoj aperis en ĉiuj gazetoj de la mondo, sufiĉe da detaloj pri la vivo kaj la verko de Gœthe, ke ni povas esti certaj, ke ĉiuj la legantoj jam konas ilin. Ni do ankaŭ ne recitos ilin tie ĉi, sed donos el unu el liaj verkoj, eble unu el la plej konataj, kelkajn fragmentojn, nome el « La Suferado de la juna Vertero ».

Kiel oni scias, tiu verko apogas sin parte sur veraj okazintaĵoj el la vivo de la poeto. Dum la restado de Gœthe en Wetzlar en 1772, kie li konatiĝis kun fraŭlino Charlotte Buff, jam fianĉiniĝinta je Sinjoro Kestner. Gœthe longtempe hezitis inter sia amikeco por Kestner kaj sia amo por Charlotte Buff, sed fine li kortuŝita, forlasis Wetzlar kaj faris vojaĝon laŭ la Rejno por forgesi sian malfeliĉan amon. Kiam li revenis en Wetzlar li aŭdis tie ke juna homo, Jeruzalem, pro malsukcesa amo memmortigis sin. Tiam Gœthe posedis la necesajn detalojn por sia libro kaj en 1774, tiam 25-jara, li eldonis la pasian libron « La Suferado de la Juna Vertero », kiu havis « teruran » sukceson post la tre prudentaj, tre saĝaj libroj de la lastaj jaroj. La junuloj en la tuta civilizita mondo sin vestis kiel la heroo de la libro, parolis kiel li, kondutis kiel li, multaj ankaŭ mortis kiel li.

Mi tradukis la tutan libron, kiu estos eldonata post kelka tempo de « Belga Esperanto-Instituto », kaj estas el mia traduko, ke mi elektis la sekvantajn fragmentojn.

Willy DE SCHUTTER.

*Por rapide transformi la « vortojn » en « skribon »,*

*por ke la « pensoj » iĝu « agoj »*

*por plej efike uzi vian tempon,*

*por havigi al vi pli multe da tempo*

**diktu per la**

# "DICTAPHONE"

(Reg. U. S. Pat. Off.)

KAJ DUOBLIGU TIAMANIERE VIAN POVON AKIRI FARITAĴOJN.

**La "DICTAPHONE" estas aparato plej simpla.**

— Dokumentiga broŝuro sendata laŭ peto. —

**Robert CLAESEN**

GENERALA AGENTO

**40, rue de Loxum, BRUXELLES**

Telefono **11.06.82**

## *La suferado de la Juna Werther.*

Kion mi de la historio de la malfeliĉa Werther nur kapablis trovi, kunigis mi diligente, kaj metas tion tie ĉi antaŭ vin, kaj scias, ke vi min dankos pro tio. Vi ne povas rifuzi al lia inteligento kaj al lia karaktero vian admiron kaj amon, al lia sorto, viajn larmojn.

Kaj Ci, bona animo, kiu sentas, kiel li, la saman doloran instigon, ĉerpu konsolon el lia suferado, kaj permesu al tiu libreto, esti cia amiko, kiam ci pro sorto aŭ propra kulpo ne kapablas trovi pli proksiman.

* * *

*Je la 13a de Julio.*

Ne, mi ne trompis min! Mi legas en ŝiaj nigraj okuloj veran partoprenon je mi kaj mia destino. Jes, mi sentas, kaj en tio mi povas fidi mian koron, ke ŝi — o ĉu povas mi, kapablas mi esprimi la ĉielon en tiuj vortoj — ke ŝi amas min!

Amas min! — Kaj kiom valora mi iĝis por mi mem, kiel mi — al ci mi povas diri tion, ci komprenas tian senton — kiel mi adoras min mem, de kiam ŝi amas min!

Ĉu tio estas aroganteco aŭ sento de la veraj proporcioj?... Mi ne konas la homon, de kiu mi ion timas en la koro de Lino. — Kaj tamen — kiam ŝi parolas pri ŝia fianĉo kun tia varmeco, kun tia amo — tiam estas al mi, kvazaŭ al iu, kiu estus forpelata el ĉiuj honoroj kaj oficoj, kaj al kiu oni prenus la spadon.

* * *

— Sufiĉas, Vilhelmo, la fianĉo estas tie! Brava, afabla viro, por kiu oni devas senti inklinon. Feliĉe, mi ne ĉeestis la akcepton! Tio estus disŝirinta al mi la koron. Ankaŭ estas li tiel honesta, kaj ankoraŭ ne unu fojon kisis Linon en mia ĉeesto. Por tio, Dio rekompencu lin! Pro la respekto, kiun li havas por la junulino, mi devas ami lin. Li estas afabla por mi, kaj mi supozas, ke tio estas la influo de Lino pli ol lia propra sperto; ĉar en tio la virinoj estas ruzaj kaj pravas; kiam ili povas teni du adorantojn en bona interkonsento, estas ĉiam la profito por ili, kiel malofte tio ankaŭ ekzistas.

Intertempe mi ne povas forpreni mian estimon de Alberto. Lia trankvila ekstero kontrastas vigle kontraŭ la malkvieteco de mia karaktero, kiu ne estas kaŝebla Li havas multe da sento, kaj scias, kion li havas en Lino. Li ŝajnas havi malmulte da malbona humoro, kaj ci scias, tio estas la peko, kiun mi pli forte malamas en homo, ol ĉiujn aliajn.

Li konsideras min kiel saĝan homon; kaj mia sindonemeco por Lino, mia varma ĝojo, kiun mi havas je ĉiuj ŝiaj agadoj, pligrandigas lian triumfon, kaj li nur amas ŝin despli. Ĉu li ne ofte turmentas ŝin per malgrandaj ĵaluzaĵoj, tion mi volas lasi flanken. Almenaŭ mi sur lia loko, ne restus tute kvieta antaŭ tiu diablo.

Estu nun al li, kiel volu! mia ĝojo, esti apud Lino, estas for. Ĉu mi devas nomi tion malsaĝeco aŭ eraremo? — Kial tio nomon bezonas! rakontu la aferon mem! — Mi sciis ĉion, kion mi nun scias, antaŭ ol Alberto venis; mi sciis ke mi ne povis fari pretendojn je ŝi, ankaŭ ne faris tiajn — tio estas,

tiel malmulte, kiel estas eble ne deziregi ĉe tiom da ĉarmo. — Kaj nun la netaŭgulo tre miras, kiam la alia efektive venas, kaj forprenas la junulinon de li.

Mi kunpremas la lipojn, kaj primokas mian malfeliĉon, kaj primokas duoble kaj trioble tiujn, kiuj povis diri, ke mi devus min rezigni, kaj ĉar nun alie ne povis esti. — Liberigu min de tiuj marionetoj! — Mi ĉirkaŭenkuras en la arbaroj, kaj kiam mi venas ĉe Linon, kaj Alberto sidas apud ŝi en la ĝardeneto sub la laŭbo, kaj mi ne povas daŭrigi mian promenadon, tiam mi estas ĝojege malprudenta, kaj faras multe da burleskaĵoj, kaj da sensencaĵoj. — Pro la volo de Dio, diris Lino hodiaŭ al mi, mi petas vin, ne rekomencu la scenon de hieraŭ vespero! Vi estas timiga, kiam vi estas tiel gaja. — Inter ni, mi kalkulas la tempon, kiam li devas labori; tuj mi estas for, kaj tiam estas ĉiam bone por mi, kiam mi trovas ŝin sola.

* * *

Por Alberto, tio estis tro ĝenerale priparolata. Mi rememorigis al li junulinon, kiun oni trovis antaŭ kelka tempo morta en la akvo, kaj ripetis al li ŝian historion. — Iu bona, juna kreito, kiu kreskis en la mallarĝa cirklo de mastrumaj okupoj, de semajna difinita laboro; kiu plue ne konis la antaŭvidon de ĝuo, ol eble dimanĉe promenadi tra la urbo kun junulinoj, similaj al ŝi en iom post iom kolektita tualeto, eble danci unufoje je ĉiu granda festo, kaj cetere forklaĉi multajn horojn kun najbarino per ĉia vigleco de kora partopreno pri la kaŭzo de iu disputo, de iu kalumnio. La arda karaktero de ŝi nun sentis finfine pli intimajn bezonojn kiuj estis pligrandigataj per la flataĵoj de la viroj. Ŝiaj antaŭaj ĝojoj fariĝas iom post iom sengustaj por ŝi, ĝis ŝi fine trovas iun homon, al kiu nekonata sento altiras ŝin nekontraŭstareble; por kiu ŝi nun rezervas ĉiujn siajn esperojn, forgesas la mondon ĉirkaŭ si, aŭdas nenion, sentas nenion ol lin, la nuran, nur deziregas lin, la nuran. Ne malbonigata per la senutilaj ĝuoj de nekonstanta vanteco, iras ŝia deziro rekte al la celo. Ŝi volas fariĝi la lia, ŝi volas trovi en eterna rilato ĉiun la feliĉon, kiu mankas al ŝi, ĝui la kuniĝon de ĉiaj ĝojoj, al kiuj ŝi sopiras. Ripetata promeso, kiu sigelas por ŝi la certecon de ĉiaj esperoj, riskaj karesoj, kiuj pligrandigas ŝiajn avidojn, ĉirkaŭkaptas ŝian tutan animon. Ŝi ŝvebas en malklara konscio, en antaŭsentado de ĉiaj ĝojoj. Ŝi estas streĉita ĝis la plej alta grado. Ŝi etendas finfine la brakojn, por ĉirkaŭpreni ĉiujn siajn dezirojn — kaj ŝia amato forlasas ŝin. — Rigidiĝinta, sen sentoj, ŝi staras antaŭ abismo. Ĉio estas mallumeco ĉirkaŭ ŝi, nenia espero, nenia konsolo, nenia kompreno! Ĉar « li » forlasis ŝin, en kiu ŝi nur sentis sian ekziston. Ŝi ne vidas la vastan mondon, kiu kuŝas antaŭ ŝi, ne la multnombrojn, kiuj povus anstataŭi ĉe ŝi la perdon. Ŝi sentas sin sola, forlasita de la tuta mondo. — Kaj blinda, alpremita al la muro per la terura mizero de ŝia koro, ŝi ĵetas sin malsupren por sufoki ĉiujn siajn turmentojn en ĉirkaŭkaptanta morto. — Vidu Alberto, tio estas la historio de tiom da homoj! kaj diru, ĉu tio ne estas la kazo de la malsano La naturo ne trovas eliron el la labirinto de la konfuzoj kaj konstrastantaj fortoj, kaj la homo devas morti.

Ve al li, kiu povus alrigardi kaj diri: la frenezulino! Se ŝi estus atendinta, se ŝi estus permesinta al la tempo efiki, la malespero estus kvietiĝinta; iu alia

estus veninta por konsoli ŝin. — Tio estas sama, kiel se iu diris: La frenezulo, mortas pro febro'! Se li estus atendinta, ĝis kiam liaj fortoj estus revenintaj, liaj sukoj pliboniĝintaj, la tumulto de lia sango kvietiĝinta: ĉio estus irinta bone, kaj li vivus ĝis la hodiaŭa tago!

Alberto, al kiu la komparo ne ankoraŭ estis klara, kontraŭdiris ankoraŭ ion, kaj interalie, mi nur parolis pri simpla junulino. Sed kiel prudenta homo, kiu ne estas tiel malvastspirita, kiu konsideras pli da cirkonstancoj, povus esti senkulpigata, tion li ne povas kompreni. — Mia amiko, mi ekkriis, la homo estas homo, kaj la malmulto da prudento, kiun iu povas posedi, tute ne aŭ nur malmulte estas atentinda, kiam pasio ardas kaj kiam la limoj de la homeco iun premas. Pli ofte. — Pri tio, alian fojon, diris mi, kaj prenis mian ĉapelon. O, mia koro estis plena. — Kaj ni disiris, ne komprenintе unu la alian. Kiel tamen sur tiu ĉi mondo neniu facile komprenas la alian.

---

# BELGA KRONIKO

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — La grupo decidis aĉeti esperantajn kantolibrojn por ebligi eldoni ilin al la membroj dum niaj regule organizotaj kantvesperoj — Ni akiris bibliotekon por nia ejo; jam ni posedas kelkajn librojn. Ni demandas al la aliaj grupoj belgaj kaj eksterlandaj por donaci al ni ĉiujn presaĵojn, kiujn ili trohavas; ni permesas insisti pri tio: nia grupo estas juna kaj bezonas subtenon. Ni jam antaŭdankas por ĉiu donaco. Sendu al S-ro Kapitano Van Wanseele, Hertshage, 43, Aalst.

Ni sciigas niajn membrojn ke la mastro de la kafejo kaj restoracio « Lido », Vlaanderenstraat, Aalst, kvankam neesperantisto, pagis jarabonon al Heroldo de Esperanto, por havigi plian konforton al siaj klientoj esperantistaj. Do, vizitante tiun kafejon nepre informu regule pri la gazeto.

GENTO. — La grupaj kunvenoj okazis regule ĉiumerkrede. La 6an de aprilo nova kurso komenciĝis sub la gvidado de F-ino De Cock, lerta esperantistino.

QUIEVRAIN. — Nova grupo fondiĝis en tiu urbeto lokita ĉe la landlimo de Francujo. Ĝi kalkulas ĉirkaŭ 20 membrojn kaj aliĝis al « Belga Ligo Esper. ». Adreso: ĉe la Sekretario, S-ro Jules Lewuillon, rue du Tombois, 52, Quievrain.

Ni prezentas al la nova grupo plej sinceran bonvenon en nia Ligo kaj deziras al ĝi longan kaj prosperan vivadon.

SCHELLEBELLE. — Dank'al la klopodoj de S-ro Inĝeniero Robert De Waele,, grupo stariĝis en Schellebelle. S-ro De Waele lernis Esperanton ĉe la kurso organizita de la Ligo ĉe « Radio-Belgique ». Kaptita de la praktikeco de nia lingvo, li volis ĝin propagandi; li organizis kurson por dudeko de lernantoj kun kiuj li nun fondis grupon, kiu aliĝis al «Belga Ligo Esperantista.»

Ni prezentas al S-ro De Waele niajn korajn dankojn por lia bona propaganda laboro kaj ni deziras al lia grupo bonajn sukcesojn en ĝia regiono kaj plej koran bonvenon en nia belga movado.

ANTVERPENO. — **" La Verda Stelo ".** — Sabaton 5an de Marto « La Verda Stelo » per gaja « Masko- kaj Kostumbalo » festis la Karnavalon. Bonega orkestro estrita de S-ro Clymans ludis fantazion kunmetitan de bone konataj esperantistaj kantoj. Tiun fantazion verkis S-ro Clymans je la honoro de « La Verda Stelo ».

Nova kurso, gvidata de S-ro C. J. Van der Veken, komenciĝis Ĵaŭdon la 10an, kaj ĝin malfermis per propaganda parolado S-ro Schoofs.

Dum la Generala monata kunsido estis priparolataj la organizotaj kunvenoj de la Kongreso.

Pri la bela najbara Grandduklando Luksemburgo interesplene paroladis S-ro Edg. De Coster, kasisto de la Grupo, kiu samtempe montris filmon de belegaj lumbildoj. Kun streĉita atento ĉiuj geamikoj aŭskultis kaj fine, kiam la prezidanto gratulis kaj dankis la paroladinton, ili per varmaj aplaŭdoj substrekis la dankvortojn.

Okazis same al la bonega paroladisto pri la verko de Gœthe, S-ro W. De Schutter, gazetara sekretario de « Verda Stelo » kaj kursgvidanto, kiu ne preterlasis la okazon atentigi la membrojn pri la fama verkaro de Gœthe. Precize, detale kaj arde paroladis amiko De Schutter ; per bonege diritaj poezioj aŭ legitaj fragmentoj el « Werther » la paroladisto komunikis siajn sentojn kaj emocion al la aŭskultantaro. Longaj aplaŭdoj esprimis ĉies dankon.

La lasta gramofonkoncerto de la vintra sezono okazis en la sekretariejo. La Prezidanto, je la nomo de la Grupo prezentis al S-ino Faes belajn florojn kiel dankesprimo por la gastemo, kiun ĝuis la geamikoj dum la diversaj gramofonkoncertoj, en la magazeno de G-roj Faes. Mallonge sed tutkore redankis S-ro Faes.

BRUGO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista".** — *Mardon 16an de februaro:* Kunveno de U.E.A. F-ino Thooris, delegitino de U.E.A. faris raporton, kaj anoncis kun granda plezuro ke ŝi varbis novan membrinon F-ino Juliette Boedt, kaj S-ro H. Braekevelt, membro de U.E.A., varbis F-ino Yolande Hubrecht. Malfeliĉe F-ino Thooris devis aldiri ke ŝi perdis du membrinojn, F-inoj Kiere kaj Lonneville, kiuj edziniĝis.

Poste F-ino Thooris parolis pri la servoj de U.E.A., kaj elektis 3 punktojn : 1°) la celo, 2°) la signifo, 3°) la organizo. Por fini F-ino Thooris donis legadon de la statutoj, kaj la membroj povis demandi klarigojn, kiujn ili akceptis kun aplaŭdoj.

Nia Prezidantino parolis ankaŭ pri nia biblioteko, kaj por fini intima babilado okazis.

*Mardon 23an de Februaro:* Amuza vespero. La membroj ricevis biletojn sur kiuj estis skribita vorto ; ĉiuj devis fari frazon, komparon aŭ eltrovaĵon. Por fini kelkaj portretoj divenitaj de S-roj Van den Abeele kaj Mestdagh.

*Mardon 1an de marto:* Legado de la 5a kaj 6a ĉapitroj de Esprimo de Sentoj en Esperanto. Por fini kelkaj portretoj divenitaj de S-roj Costenoble, Mestdagh, F-inoj G. kaj Y. Hubrecht.

*Mardon 8an de marto:* Humora vespero, diversaj ekzercoj.

La 22-an de Marto S-ro Joseph De Coster faris paroladon pri « Teatro ». Li interesplene pritraktis ĉefe la laborojn de la aktoroj kaj de la reĝisoro, kaj

klarigis multajn sciindaĵojn precipe interesajn por la amatoraj geaktoroj de la teatra sekcio. Li rikoltis belan kaj meritita n sukceson.

La 25-an de marto okazis la lasta leciono de la vintra kurso. Dankoj al la kursgvidinto, S-ro Poupeye, estis esprimataj de F-ino Y. Thooris, prezidantino, nome de la komitato, kaj de S-ro Ludger Danneels, nome de la gelernantoj.

La kunveno de la 29-a estis « Koresponda Vespero ». Sekve de anonceto en « Esperanto », alvenis 42 korespondaĵoj el 13 landoj, inkluzive Usono kaj Kubo. La korespondaĵoj laŭtlegataj estis disdonataj por respondo inter la ĉeestantoj laŭ la preferoj de la skribintoj. Tiu disdonado kaj laŭtlegado devis esti daŭrigata dum la kunveno de la 5-a de Aprilo, kiam la laŭprograma Kanta Vespero ne povis okazi pro ne antaŭviditaj kaŭzoj.

La kanta vespero okazis tiam la 12-an de aprilo, gvidata de F-ino Y. Thooris kaj kun piano-akompanado de S-ino G. Poupeye, kiuj anstataŭis F-inojn A. Boereboom kaj S. Weissenborn, malhelpatajn. Dum tiu vespero F-ino Thooris prezentis... en mallumo misteran kaj impresigan ludon, kiu ege gajigis la ĉeestantajn gemembrojn.

La laŭprograma « Konkurso por la plej babilema... en Esperanto » estis prokrastata ĝis la 19-a de Aprilo, post la parolado de S-ro Mestdagh : « Pri kelkaj inventaĵoj ».

BRUSELO. — " **Esperantista Brusela Grupo** ". — La 7an de Marto S-ro Hart faris raporton pri kelkaj libroj eldonitaj de Ekrelo. Poste oni diskutis pri gramatikaj punktoj.

La 14an de Marto, la kunveno okazis ĉe Philips. Multe da anoj ĉeestis. Ili aŭdis paroladon sur la nuna stato de la radiofonio kaj de la parolantaj filmoj. Poste, ili vidis 2 interesajn parolantajn filmojn : 1° Philips Radio kaj 2° Eŭropa Radio.

La 21an de Marto okazis la ĝenerala kunveno ; poste okazis disdono de surprizoj kaj la vespero finiĝis per gajega societludo.

La 28an de Marto ne okazis kunveno (Pasko lundo).

LIEGE-CHENEE-SCLESSIN. — " **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto** ". — Sekve de certaj neeviteblaj cirkonstancoj, kiuj malhelpas efektivigi la festprogramon plene kiel antaŭvidite, la Societo finis la 21an de februaro sian serion de intimaj vesperfestoj. Kiel kutime ni sukcesis havi por tiu adiaŭa koncerto la ŝatindan kunlaboron de la societaj artistoj kaj de kelkaj amikoj, nome de S-roj Derigat, Delvoie, Godart, Bovy, Souka, k. a.

La festkomisio tamen ne nelaboras kaj jam pristudas la programon de la ekskursoj okazigotaj dum la baldaŭa bonvetera sezono. Koncernaj sciigoj estos komunikataj pli malfrue.

La nunaj kursoj de la tri grupoj estas baldaŭ finiĝontaj kaj la ekzamenontoj estas okupataj prepari la programon de la konkurso, kiu okazos fine de majo.

En Radio-Cointe, kiel jam anoncite, la kurso estas finita kaj anstataŭita de ĉiusemajna Esperanta parolado. S-ro Derigat, kiu prizorgas la aferon, jam disaŭdigis tre interesajn informojn pri organizo de la tutmonda Esperantismo, pri U.E.A., pri Internacia Laboroficejo, k.t.p.

# NIA FAMILIA KRONIKO

## GRATULOJ

Al S-ro **René Dechesne**, Sekretario de Esperantista Grupo de Sclessin, ĝen. sekr. de Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto, kaj F-ino **Alénie Maquet**, Instruistino, membrino de la Sclessina grupo, kiuj geedziĝis la 19an de Marto.

Al Ges-roj **Paul Benoît**, el Oostduinkerke, al kiuj naskiĝis kvara infaneto, Paul, la 26an de Februaro.

Al F-ino **Hubrecht Georgette**, el Bruĝo, kiu fianĉiniĝis kun S-ro **Malbert André** el Parizo.

Al S-ro **Henri Petiau**, Ĝen. Sekr. de Belga Ligo Esperantista, kiu festis la 19an de Marto sian 30-jaran profesian jubileon kaj kiu tiuokaze ricevis la Industrian Medajlon de unua klaso.

## NEKROLOGO

Ni prezentas niajn sincerajn kondolencojn al:

S-ro **Edmond Baiwir**, Prezidanto de Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto, kies bofratino mortis fine de decembro lasta;

S-ro **Victor Turc**, Vicprezidanto de Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto kaj de Lieĝa grupo, kies patrino mortis en januaro lasta;

S-ro **Constant Thirifays**, Sekretario de Lieĝa Grupo Esperantista, kies bopatrino mortis la 9-an de februaro pasinta.

S-ino V-ino Van Bockel, S-ro Jan Van Bockel kaj Ges-roj Ch. Van der Veken-Van Bockel, ĉiuj fidelaj membroj de « La Verda Stelo », Antverpeno, kiujn trafis terura funebra bato pro la perdo de ilia 24jara filo, frato kaj bofrato S-ro **Joseph Fr. L. Van Bockel**, kiu mortis la 8an de Marto en Busu-Melo (Pimu Plantejo), Belga Kongo.

---

# GRUPA KALENDARO

ANTVERPENO. — **“ La Verda Stelo ”**. — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, avenue de France : ĉiusabate, 21 h. — Kantlernado de 20-21 h. en la sekretariejo : Schoenmarkt, 16/1, Marché-aux-Souliers.

7 Majo : Parolado de S-ro H. Boffejon pri la « Evoluo de la veturiloj » (kun lumbildoj).

14 Majo : Belga Kongreso.

28 Majo : Ĝenerala kunveno.

4 Junio : Diskutvespero.

11 Junio : Fizika Ekzercado. S-ro A. Faes.

18 Junio : Parolado.

25 Junio : Intima kunsido.

BRUSELO. — “ **Esperantista Brusela Grupo** ”. — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

18 Aprilo : Legado de « L'Héritage Klodarec ».

25 Aprilo : Ĝenerala kunsido. Diskutado pri Esperanto kaj Pacifismo. S-ro Picquet parolos « Por », S-ro La Haye « kontraŭe », kaj S-ro Swinne « konkludos ». Poste, amuza vespero.

2 Majo : F-ino Obozinski parolos pri « Jugoslavujo » (kun lumbildoj). Poste, tombolo, disdono de surprizoj.

9 Majo : F-ino La Haye kaj S-ro Swinne dialoge legas « Hejma Paco », komedieton de Courteline, tradukitan de S-ro Bas.

16 Majo : Ne kunsido (Pentekosta lundo ; kongreso en Antverpeno).

23 Majo : Ĝenerala kunsido. Propagandaj rimedoj.

BRUĜO. — “ **Bruĝa Grupo Esperantista** ”. — Kunvenejo : « Oud Brugge » ; ĉiumarde, 20 h.

26 Aprilo : Lotado de la kongresa Ŝparkaso. Prezidos : S-ro Ch. Poupeye.

3 Majo : Kanta vespero sub gvidado de F-inoj A. Boereboom kaj S. Weissenborn.

10 Majo : Lastaj aranĝoj por la Kongreso. Poste : Humoraĵoj. Prez. : S-ro G. E. Guillaume.

15 Majo (dimanĉon) : XXIa Belga Esperanto-Kongreso en Antverpeno.

17 Majo : Ĝenerala raportado pri la kongreso. Prez. : F-ino Y. Thooris.

24 Majo : Parolado de S-ro Michiel Priem, pri « Korpa Edukado ». Prez. : F-ino Y. Hubrecht.

31 Majo : Legado kaj interparolado. Prez. : S-ro Ch. Poupeye. (Oni alportu la lernolibron !)

AALST. — “ **B.L.E. Sekcio Aalst-Alost** ”.

4 Majo : 10a leciono de nia esp. kurso, gvidata de S-ro K-no Van Wanseele. Raporto pri la kunveno de B.L.E. en Bruselo la 17an de Aprilo.

11 Majo : Kantvespero ; gvidas S-ro R. De Kegel, D. de U.E.A. Ni lernos « La Tagiĝo », ekzercos nin en la jam lernitaj trivoĉaj ĉenkantoj (kanonokantoj) kaj ripetos la kantojn el nia kantaro.

S-ro Simoens, filo, legos ekstrakton el « Blinda Rozo ».

18 Majo : Revido de la gramatiko, esperante ; lastaj klarigoj antaŭ fino de la kurso, per S-ro K-no Van Wanseele. Ekorganizo de nia proksima perfektiga kurso (libro : C. Aymonier).

25 Majo : Letervespero gvidata de S-ro De Kegel. — Oni kunportu la ricevitajn skribaĵojn de la eksterlandaj korespondantoj.

# LA MONDA CIVITO

La unua ideo de Monda Civito naskiĝis antaŭ pluraj jaroj. Dum studoj, enketoj, diskutoj en internaciaj kunvenoj, kun la helpo de arĥitektaj, juraj kaj financaj planoj jam publikigitaj, ĝi ricevis formon pli kaj pli precizan. Tiel ĉio nun ŝajnas preta por ĝia efektivigo, meze de aro da favoraj cirkonstancoj.

Tri demandoj elstaras el la tuto de la faktoj kaj konsideraĵoj. Kio devas esti la Monda Civito, kaj kion ĝi devas celi? Per kiuj rimedoj ĝi devas esti starigata? Kie devas esti ĝia sidejo?

I — KONCEPTO kaj CELO. — La Monda Civito estas elpensita kiel loko starigata tiel, ke, iom post iom, en ĝin venu kuniĝi, en daŭra prezentaĵo, la grandaj fortoj, kiuj agas en la mondo, kaj estas destinitaj al ĉiam pli intima kunlaboro. Oni nuntempe konstatas la ekziston de sesdeko da sendependaj Ŝtatoj, kun multaj kolonioj kaj nacioj havantaj, sen memstareco, propran personecon. Ekzistas ĉirkaŭe 400 internaciaj asocioj celantaj sisteman progreson, ekster ĉia profita celo, 200 internaciaj trustoj kun financa karaktero, 5 ĉefaj universalaj religioj.

Sur fundamento de sistema plano starigata de la komenco, la Monda Civito invitus ĉiujn tiujn organizaĵojn edifi siajn « domojn », paviljonojn aŭ palacojn, unuope kaj dise, aŭ en aro da konstruaĵoj: sub centra direkto estus starigataj la konstruaĵoj por la komunaj institucioj kaj servoj. Ekzistus loĝejoj kaj rezidejoj, sed malpermesataj estus ĉiaj industriaj, komercaj instalaĵoj, ĉia komercaĵ-deponejo.

La Monda Civito devas havi tri precipajn celojn:

1°. Esti praktika ilo por la internacia kunlaborado en ĉiuj fakoj tiel, kiel en ĉiu lando la Ĉefurbo plifaciligas tiun kunlaboradon laŭ nacia grado;

2°. Dank'al ĉiuj kunigitaj fortoj, prezenti okazon efektivigi civiton modelan, ĉar ĝi estus en unu fojo planigata, kaj tiel forigata de historiaj faktoj de malnovaj civitoj malfacile aliigeblaj;

3°. Fine, estigi daŭrajn prezentaĵon kaj simbolon de la homa unueco ekster ĉia politika, ekonomia, socia, intelekta aŭ religia speciala aspekto.

Per tiuj tri kunligitaj celoj, la Monda Civito fortege agus por helpi la mondon eviti aŭ malpliigi la tri malbonaĵojn, kiujn ĝi suferas: militon, krizon kaj revolucion, por inciti nian tempon starigi universalan civilizacion harmoniigitan, pli bone protektatan kaj pli progreseman.

II. — RIMEDOJ POR LA EFEKTIVIGO. — La Monda Civito estos starigata per ĉiuj financaj kaj juraj rimedoj kiuj starigis ĉiujn civitojn, aldonante tiujn proprajn al ĝia escepta kaj unika karaktero. Rilate al la financaj rimedoj, la ĉefan ŝarĝon komprenéble havos la enloĝantoj t.e. la organizaĵoj (Nacioj kaj asocioj) kaj la privatuloj en ĝi loĝantaj. La tereno estos en unu fojo aĉetata de la kolektivo, revendataj parte je ĝia profito, kun garantio de obligacioj, laŭ la modernaj principoj de la grunda urba politiko.

La prunto estos amortizata per vendo de grundo, la urbaj taksoj, la partopreno de la intereshavantoj en la komunaj institucioj. Alvoko al subvencioj, al permesataj loterioj, al enirtaksoj ŝajnas do ne esti necesa. Pri la juraj rimedoj, la Civito devos komprenéble havi juran internacian personecon.

Statuto laŭ urba karaktero estos ĝia fundamento, kaj starigos miksitan kuniĝon de ĉiuj interesatoj, registaroj kaj asocioj, reprezentataj de daŭra konsilantaro. Tamen, kiel propran karakteron, la Monda Civito devos ĝui eksterteritoriecon pro loka kaŭzo, ĉar ĝi ne povus por siaj altaj celoj esti dependa de la politiko de kiu ajn registaro. La Vatikana Civito estas tie ĉi fama antaŭaĵo.

III. — SIDEJO. — La Monda Civito devas havi sian sidejon tie, kie geografiaj kondiĉoj povas plifaciligi aliron al ĝi, kie historiaj kaj sociaj kondiĉoj povas krei cirkonstancojn favorajn al ĝia fondiĝo kaj disvolviĝo. Antaŭ la milito, la internacia movado propramove elektis kiel centrojn Belgujon, Holandon kaj Svisujon. Jam ekzistis inter tiuj tri landoj ia racia divido de la laboro, laŭ iaj propraj tendencoj: juraj elementoj en Holando, en Hago, fariĝinta centro de Internacia Juĝado, administraciaj kaj diplomataj elementoj en Svisujo, fariĝinta sidejo de la Ligo de Nacioj; ekonomiaj, sociaj, intelektaj elementoj en Belgujo, sidejo de la Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj, kiu tie, post la milito, kreis la Mondan Palacon.

Ni opinias, ke, ĉion konsiderinte, en Belgujo oni devas starigi la Mondan Civiton, apud Bruselo, kiel satelitan Civiton, kaj intime ligitan al Antverpeno kaj al la maro.

Belgujo estas fakte sidejo de grava internacia movado: neniu lando laboradigis en pli granda kaj pli fundamente starigita libereco. Bruselo troviĝas centre de la granda kvarlatero: Parizo, Londono, Amsterdamo, Kolonjo, areo plej enloĝata en la mondo kaj laŭ sama supraĵo de la plej granda parto de la heredaĵo de la Civilizacio. La aliro al Belgujo estas tre facila kaj post kiam ĝi estis dum jarcentoj la batalkampo de Eŭropo, la elektita loko de la grandaj internaciaj buĉadoj, lando ankaŭ ĉiam avidita, estas oportune forigi de ĝi la estontajn danĝerojn kaj kunvenigi en ĝin la faktorojn, kiuj, lasitaj al la sorto, povus degeneradi en gravajn antagonismojn.

En la tuto de la internaciaj institucioj, la Monda Civito aspektas kiel komplemento de tiuj starigitaj en Hago kaj en Ĝenevo. Ĝi estas centro, kie la organismoj de la privata internacia vivo, kaj ilia kunlaborado kun la publikaj organoj precipe devas havi eblecon disvastiĝi. Sendube, kaj teorie, oni povus starigi la Civiton apud la centroj en Hago aŭ Ĝenevo. Sed el la preparaj intertraktadoj rezultas ke ŝajnas esti dezirinde lasi la Internacian Juĝan Kortumon en medio trankvile serena tiel, kiel konvenas al la Juĝado. La sama deziro estis esprimata rilate al la Societo de la Nacioj en Ĝenevo, diplomatia kaj administra medio. La svisa Registaro siaflanke, sciigis, antaŭ kelkaj monatoj, ke ĝi malpermesas eĉ ke la demando pri teoria ebleco de eksterteritoriigita Civito estu en Ĝenevo diskutata. Kelkaj tiam proponis, kiel trian centron, Vienon, Luksemburgon aŭ la Sarteritorion (propono de grafo de Fels) aŭ Vaŝingtonon (propono de usona grupo).

La iniciatintoj de la projekto nun opinias ke la proponon oni devas prezenti al Belgujo, pro la kuniĝo de la decidaj kaŭzoj. Ĉar al ĉiuj ĝeneralaj utiloj de la Monda Civito aliĝus por Belgujo du kromaj utiloj: 1°) La Civito estus por ĝi morala ŝirmilo por ĝia defendo. Por estimi ĝian valoron, sufiĉus demandi al si la iradon de la okazintaĵoj en 1914, se la Civito ekzistus je tiu momento. La Nacioj senpere interesataj estus kuniĝintaj por malpermesi eniron en la landon kie ili havus sidejon. 2°) La alia utileco devenus de la fakto ke la

Civito helpus venkigi la kaŭzon de la malgrandaj laboremaj nacioj kiuj postulas sian lokon je la lumo. La Monda Civito estus la loko, kie estos kreataj kaj pridiskutataj gravaj planoj de kooperado. La vivo mem de Belgujo ŝajnas estonte esti ligata je la starigo de ĝeneralaj ekonomiaj planoj, ĉar doganaj bariloj ĉiuflanke ĝin ĉirkaŭas, kaj oni antaŭvidas la momenton, kiam la gravaj industriaj potencoj tiom perfektigos siajn grandegajn organizaĵojn, ke per sia dumpingo ili paralizigos la laboreblecon de la pli malgrandaj.

*Por la Belga Grupo de la Unio de la Internaciaj Asocioj.*

Paul OTLET.

---

## *La Zamenhof-monumento de Bialistoko*



Donacojn por la konstruo de tiu monumento oni sendu al: Fr. Schoofs, reprezentanto por Belgujo. Poŝtĉeko: 284.20.

---

## POR LA KASO DE NIA LIGO

KVINA LISTO

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| S-ro Rahier | Fr. | 70,— | « Mano de Feino » | Fr. | 50,— |
| S-ro J. Schiffer | » | 50,— | S-ro Henri Petiau | » | 200,— |
| S-ro R. Geerinck | » | 25,— | | | |
| S-ro Gust. Vermandere | » | 50,— | | Fr. | 445,— |

Sumo de niaj kvar antaŭaj listoj: Fr. 2321,35. Tuta sumo ricevita: Fr. 2766,35.

Kiu sendos ankoraŭ sian donacon helpan?

## DIVERSAJ INFORMOJ

MONDVOJAĜANTA FILMEKSPEDICIO PER ESPERANTO. — La direktoro de la Internacia Centra Komitato de Ĝenevo sciigas al ni:

Por respondi al demandoj ricevitaj de diversaj flankoj ni informas per tio, ke al ni ne estas konataj iaj detaloj pri mondvojaĝanta filmekspedicio por propagando de Esperanto. Ĉiukaze neniu sin turnis al ni ĝis nun por anonci tian entreprenon, nek petis nian protekton aŭ rekomendon.

Ni memorigas per tio la decidon de diversaj naciaj societoj, ne plu organizi kiun ajn radio-paroladon, prelegon, demonstracion a.s. se la entrepreno ne legitimas sin per rekomendo de la nacia societo de l'koncerna lando kaj de la I.C.K., kiuj ambaŭ per tio morale garantias la kvaliton kaj ke mono investita de la movado por tiaj aranĝoj estas laŭcele uzata.

ESPERANTO EN LA LERNEJOJ. — Antaŭ nelonge en la komunumkonsilantara kunveno en Dordrecht (Nederlando) membro faris duonhoran paroladon, favoran al Esperanto. Fine li prezentis jenan proponon, subsignitan ankaŭ de du aliaj membroj: « La konsilantaro petas al la kolegio de urbestro kaj » skabenoj: fari esploron kiagrade kaj en kiujn lernejojn en Dordrecht la » instruado de Esperanto estos enkondukebla; al la konsilantaro raporti pri la » rezultato kaj eventuale aldoni al la raporto proponojn. »

La konsilantaro senvoĉdone alprenis la proponon.

La A.S. CENTRA ESPERANTO-LIBREJO, Hago, en sia jara ĝenerala kunveno de akciuloj, okazinta la 27an de Februaro, aprobis la bilancon kaj la konton de perdoj kaj profitoj kaj fiksis la dividendon pri 1931 je 7 % (kiel antaŭan jaron). Kiel komisaro estis reelektita S-ro J. L. Bruyn. Konforme al la statuto la kunveno priparolis la dividon de la plia profito kaj decidis donaci 102,53 guldenojn al la komitato por la starigo de la Zamenhofa monumento en Bialistok (Polujo).

LA FOIRO DE PARIZO, por konigi gravecon, kiun Esperanto havas por la internaciaj komerciaj komercaj rilatoj, organizos la 14an de Majo, specialan « Esperantistan Tagon » prezidotan de S-ro A. Baudet, eksprezidanto de la « Chambre de Commerce de Paris ».

Esperantistaj komercistoj, industriistoj aŭ bankieroj, kiuj venos Parizon, tiuokaze, ricevos gravajn rabatojn sur la francaj kaj la plej multaj nefrancaj fervojoj, je montro de rajtiganta karto « Carte de Légitimation » sendota senpere aŭ per plej proksima agentejo de la foiro. Ili sciigu sian partoprenon al la Foira administracio: 23, rue N.-D.-des-Victoires, Parizo (2).

KATOLIKA KONGRESO. — Tuj post la XXIVa Universala Kongreso de Esperanto, okazos en « Lourdes » la XVIa Kongreso Internacia de Katolikaj Esperantistoj. Certe multaj gesamideanoj deziros partopreni tiun pilgriman kaj tre belegan vojaĝon. Interesatoj, por pluaj detaloj, bonvolu skribi al Fraŭlino Larroche, 55, rue de Vaugirard, Paris, VI, France.

ESPERO KATOLIKA. — La nuna direktoro de tiu revuo estas Pastro Font Giralt. Adreso: Collell, (Provinco de Gerona), Hispanujo.

La IRLANDA LIGO DE KATOLIKAJ ESPERANTISTOJ penas aranĝi specialan Esperantan fakon de la Eukaristia Kongreso okazonta en Dublino,

Junio 1932. Tiuj, kiuj intencas veni Dublinon por ĉeesti la Kongreson, sendu sian nomon, adreson kaj alvendaton per poŝtkarto al la Sekretario de la Ligo: H. Mc Neill Macauley, 1 Wellington Quay, Dublin.C.4.

---

# PROKLAMO DE LA UNUIĜO POR TUTEŬROPA AGADO

*Inter multaj konfliktaj situacioj naskitaj de la nuna stato de Eŭropo, du faktoj estas hodiaŭ aparte impresaj.*

1e. La grandega plimulto de la Eŭropaj amasoj volas Pacon.

Tamen, pli ol iam, milito minacas. Ĉiu antaŭsentas, ke ĝi nepre okazos se nova ordo en la aferoj ne anstataŭas malnoviĝintan politikan ordon.

2a. La grandega plimulto de la Eŭropaj amasoj komprenas, ke la ekonomia dispartigo de la Kontinento ne estas alkonformigebla al la disvastiĝo de la maŝinismo. Tamen, la cirkulado de la riĉaĵoj daŭre estas malhelpata de pli kaj pli altaj doganaj baroj, kiuj kaŭzas haltigon de la produktado, senlaborecon kaj ruinon.

Ĉiu scias tion, sed tiu malsaĝega situacio daŭras kaj minacas, en ilia vivo mem 350 milionojn da homoj.

Kial? Ĉar, malgraŭ tiu kvazaŭ universala kompreno, disigo de la kreantaj voloj ebligas, ke nelaŭtempaj formuloj daŭre regas Eŭropon.

Kiel Provinco sin metis super Civito, kiel Nacio sin metis super Provinco, tiel Federacio devas sin meti super Nacio.

Je novaj tempoj, nova Ŝtato.

*Celo de la Uniĝo por Tuteŭropa Agado.*

La Unuiĝo por Tuteŭropa Agado, fortege konscia pri tiuj elementaj veroj, intencas pasigi la eŭropajn popolojn de penso al agado, de ideo al realaĵo.

La Unuiĝo por Tuteŭropa Agado celas okazigi kunvenon de Tuteŭropa konstituciiga kunveno, devenanta rekte kaj tutpove de la Popoloj, elektita per Universala Voĉdonado de ĉiuj Eŭropanoj, viroj kaj virinoj.

Tiu konstituciiga kunveno havos plenajn rajtojn por:

a) organizi, politike, jure kaj administracie la Kunfederacion de la Eŭropaj Popoloj;

b) adapti la diversajn naciajn ekonomiojn al la nova federacia Ŝtato, laŭ difinotaj modoj kaj templimoj.

## RIMEDO

Por instigi la diversajn naciajn registarojn okazigi elekton de la Konstituciiga Kunveno aŭ akcepti la principon de ĝia kunvenigo, la Unuiĝo por Tuteŭropa Agado vidas nur unu rimedon: kunvenigi, ekster politikaj, sociaj, religiaj aŭ lingvaj demandoj, en unu grandegan internacian grupiĝon, ĉiujn organizaĵojn kaj ĉiujn individuojn, kiuj havas tiun komunan idealon: Eŭropa Paco per kreado de Eŭropo!

*La Komitato:*

Prezidantejo: G. Gerard, 20, av. des Klauwaerts, Bruselo.

Sekretariejo: F. Bauthier, 45, rue de la Vanne, Bruselo.

Kasejo: H. Lenoir, 107, avenuo Marie-José, Bruselo. Poŝtĉeko: 169.91.

## REKOMENDATAJ HOTELOJ

ANTVERPENO:

**De Witte Leeuw,** 4 Frankrijklei. Tel. : 373.21.
**Monopole,** Statiestraat, 21. Tel. : 267.15.
**Progrès,** De Keyserlei, 61. Tel. : 353.81.
**Roi Albert,** Place de la Gare, 44. Tel. : 217.60.

BRUSELO:

**Brasserie du Sac,** Grand'Place, 4. Tel. : 12.62.25.
**Hôtel des Négociants,** rue de la Fourche, 17. Tel. : 12.69.23 & 11.08.44.
**Hôtel de l'Espérance,** Pl. de la Constitution 14. Tel. 11.27.91.
**Grand Hôtel G. Scheers,** Boul. Adolphe Max. Tel. 17.77.60 ĝis 62.
**Grand Hôtel des Colonies,** rue des Croisades 2. Tel. : 17.00.94.

GENTO:

**Hôtel de lYser,** 65 Flandra strato. Tel. : 110.91.
**Hôtel Terminus,** Placo Marie Henriette. Tel. 110.45.

NINOVE:

**Hôtel de l'Etoile,** Place de la Station. Tel. : 19.

OSTENDO:

**Hôtel Vroome,** 20 Bulvardo Rogier. Tel. 37.

# BONHUMORO

LAŬ LA LEĜO. — La skabeno legas antaŭ la ĵus geedziĝinta paro la paragrafon el la leĝo, laŭ kiu la edzino devas sekvi sian edzon ĉien.

— Ĉien? interrompas la juna virino.

— Jes, respondas la magistrato.

Kaj la edzino rediras konsternite, montrante sian edzon: Sed li estas kuiristo en la litvagonoj!

SIMILECO. — Mi renkontis personon kiu tuttrajte similis vin.

— Diable, mi esperas, ke vi ne redonis al li la dudek frankojn, kiujn mi pruntis al vi pasintan monaton.

PRI FROMAĜO. — Vidu. En tiu fromaĝo estas truoj. Ĉu oni pesus ilin ankaŭ?

— Ne, mi kredas ke oni eltranĉas ilin.

LI NE TIMAS. — *Amiko:* Kion vi diros al viaj kreditoroj kiam vi poste renkontos ilin?

*Bankrotinto:* Ne timu, ke mi ilin renkontos. Ili piediras kaj mi aŭtomobilas.

DEPENDAS. — Restoraciestro promenas en la arbaro kun sia filo. Saltas io trans la vojo.

— Diru, paĉjo, ĉu tio estas leporo aŭ kato?

— Dependas de la maniero laŭ kiu oni ĝin preparas.

PRECIZECO. — *Edzino:* Ĉu vi eliras?

*Edzo.* — Jes.

*Edzino.* — Kaj kiam vi revenos?

*Edzo.* — Se plaĉos al mi.

*Edzino.* — Bone, sed ne unu minuton pli malfrue.

LI NE RICEVIS. — Kial vi ne skribas al via riĉa onklo, se via situacio estas tiel malbona?

— Mi jam skribis leteron al li, sed li respondis ke li ne ricevis ĝin.

PIA DEZIRO. — *Maljuna sinjoro* (al fileto de amiko, okaze de lia jarfesto): Kara knabo, mi gratulas vin kaj esperas, ke vi kreskos en virto kaj saĝeco.

*Karolo* (kiu lernis esti ĉiam ĝentila): Dankon, Sinjoro, same al vi.

PAROLMANIERO. — *Kamparano Henriko:* Diru, Petro, ĉu vi scias, ke viaj kokidoj kuras sur mia bieno?

*Kamparano Petro:* Jes, Henriko, mi tion scias.

*Henriko:* Kiel vi tion scias?

*Petro:* Tial ke jam kvin mankas al mi.

MALSUKCESO. — *Oficisto:* Sinjoro Direktoro, mi ĝentile petas vin plialtigi mian salajron. Mi edziĝis pasintan monaton.

*Direktoro:* Mi tre bedaŭras, sed mi ne povas konsenti pri via peto. La societo ne estas respondeca pri la akcidentoj, kiuj trafas niajn oficistojn ekster la horoj de deĵoro.

# OFENSIVO KONTRAŬ RADIOSTACIOJ

La senfadena telefonio estas unu el la plej bonaj rimedoj por rapida kaj konstanta varbado de novaj adeptoj al esperantismo. Tion jam elmontris la mirindaj sukcesoj de niaj japanaj samideanoj. Ekkoninte tiun fakton la gvidantoj de la Esperanto-radiomovado de tempo al tempo elokvente pledas en periodaj gazetartikoloj por ke la ondoaŭskultantaro sendu petskribon al tiu aŭ alia stacio, celante atingi iaforman enkondukon de Esperanto en la ĉiusemajnajn programojn. Kelkaj fervoruloj tuj skribas aliaj atendas, la plimulto forgesas, la staciestraro ricevinte tiom malgrasan poresperantan kurieron traktas ĉi-tion kiel bagatelaĵon kaj la atendataj rezultatoj ofte restas apud nulpunkto. Multfoje oni respondas, ke, pro nesufiĉaj postuloj, Esperanto ne povas esti konsiderata, des pli ke la programo jam estas troŝarĝata k. t. p.

La principo de la klopodado de niaj « esperantaj radiistoj » estas bonega, ĉar ĝi ne sufiĉe efikas, ŝajnas ke la metodo estas iom malperfekta.

Ni supozu dum momento, ke en ĉiu lando al la Esperanto-radio-sekretario oni transsendu la deziresprimojn de la aŭskultantaro. Post kolektado de impona kuriero, tiu sinjoro oficiale atakus la staciestrarojn kaj apogus siajn postulojn per la korespondaĵoj ricevitaj.

Due, oni supozu, ke en ĉiu lando ekzistu kelkaj « centroj », kie ariĝu la kartoj kaj leteroj de la aŭskultantoj, kaj ke tiuj centroj regule nutru la delegiton per la priradiaj korespondaĵoj.

Ĝis nun la tuta afero ŝajnas nur granda komplikaĵo, ĉar kial ne rekte skribi al la stacioj...?! Paciencigu, la supozitaĵo estas tre facile aplikebla al la praktiko:

La landaj sekretarioj jam ekzistas, kaj certe ili fariĝos volonte delegitoj de la aŭskultantaro. La « centroj » ankaŭ ekzistas: tiaj estos ĉiuj eldonejoj, oficejoj redaktorejoj, librejoj esperantistaj, kiuj daŭre ricevas grandan leteraron de niaj samideanoj. Kaj ĝuste en tiu lasta punkto kuŝas nia savo! Ĉar aparte pri radio la plimulto de niaj samcelanoj ne skribus, afrankus kaj forsendus leterojn al la elektotaj stacioj, ili nun simple aldonu al iliaj por la « centro » (librejo k.t.p.) destinataj leteroj specialan folieton aŭ karton adresata al la E. R. delegito. Ĝi surhavu alvokon al la koncerna radiostacio kaj peton al la delegito « bonvoli transdoni ». La tuta afereto ne kostos specialan afrankon kaj post alkutimiĝo de la esperantista publiko regule verŝiĝus granda fluo de petskriboj pere de la « centroj » al la E. R. delegito. Tio ĉio sen grandaj elspezoj kaj laboro. Tiam ne plu oni povos respondi ke la nesufiĉo de postuloj malhelpas akcepton de Esperanto, sed la neceseco fariĝos okulfrapanta al la staciestroj ricevante el unu aŭ pluraj landoj kelkmilojn aŭ eĉ kelkdekmilojn da insistaj petoj.

Por niaj fervoruloj prezentiĝas brila agadkampo. Krom nuraj kartoj kaj leteroj, ili preparu listojn kun kapoteksto resumanta la « deziresprimon » al la celata radiostacio kaj ili kolektadu la subskribojn de ĉiuj lokaj samideanoj kaj eĉ ne esperantistaj gekonatoj kiuj pro simpatio ne rifuzos apogi la klopodojn de la petanto. Sed estas necese, ke la klare skribitan nomon sekvu indikoj pri profesio kaj adresoj por forigi la impreson de nepersoneco vekata per nedeĉifreblaj parafoj. Ankaŭ preparado de plenigotaj presaĵoj ne estus malutila.

Por enlandaj skribintoj la teksto estu nacilingva, por al eksterlando destinataj listoj aŭ leteroj oni nepre uzu nacilingvon kun esperanto-traduko.

Kiam tiu radio-servo estos starigata en pluraj landoj, pluraj listoj povus esti preparataj samtempe, kun samaj nomoj.

Ni aldonu ke tiaj listoj speciale cirkuladu dum kunvenoj kaj kongresoj; ĉar tie oni ja amase aŭtografas, ĉi-tiu apliko almenaŭ havos praktikon valoron.

La celkonscia organizado kaj realigado de tiu metodo absolute ne povas resti senefika.

Ĉiuj E.-R.-sekretarioj tre baldaŭ studu la taŭgan elekton de la unue prilaborotaj radiostacioj kaj poste regule publikigu ĝin sub uniforma titolo (« Bombardado de Stacioj » aŭ alia) en ĉiuj esperanto-periodaĵoj.

Mallongaj statistikoj post difinotaj intervaloj elmontros la kreskon de nia paca municio. Niaj gazetoj certe ne rifuzos subteni nian agadon kaj eventuale publikigos oftajn mallongajn, trafajn admonojn kiel ek.: « Korespondantoj ne forgesu aldoni sur aparta folio deziresprimon al la radiostacio ...X! »

Por ke nia propono ne restu simpla legaĵo kaj ne finu kiel frapo en akvon sed trovu tujan vivan aplikon, la granda franclingva varbgazeto « La Tribune Esperantiste » (12, rue Pougin à MONTIGNY-LES-METZ, Moselle) iniciatas la unuan « centron » en Francujo. Ĝi petas siajn abonantojn kaj gekorespondantojn al ĉiu letero aldoni petskribon por la ĝis nun provizore elektata « Radiostacio Strasbourg P.T.T. ».

Respondojn eventualajn al la subskribinto (ankaŭ kun « deziresprimo », ni petas), oni bonvolu rekte sendi al la ĉi-supra adreso de la « Tribune Esperantiste ». A. LIENHARD, delegito de U.E.A.

## ESPERANTO-RADIO-PROGRAMO

**kompilita de Internacia Radio-Servo, komisiita de I.C.K.**

*Adreso:* Joh. JUNGFER, *Lindenstr. 10, Lübben (Spreewald), Germanujo*

**Mallongigoj:** *Dimanĉo: D; Lundo: L; Mardo: M; Merkredo: Mk; Jaŭdo: J; Vendredo: V; Sabato: S; ĉian duan Mk: 2.Mk; neregule, nekonata aŭ necerte: n.*

*Pri temo, sendhoro, ondlongo kaj aliaj detalaĵoj donas informojn la naciaj Radio-gazetoj kaj « Heroldo de Esperanto ».*

**Radio-paroladoj en Esperanto:** Breslau: V; Coliboeuf-Falaise F8 GW: D kaj J; Freiburg: 2.Mk; Huizen: 2.S; Helsingborg: 2.D; Kaunas: J; Le Havre: 2.V; Leningrad: 2-9-12-19-22 kaj 29 ĉiumonate; Lille P.T.T. Nord: D; Limoges: n; Linz: J; Lyon-la-Doua: S; Marseille-Provence P.T.T.: Mk; Minsk: n; Motala: 4.D; Salzburg: J; Stockholm kaj relajsoj: 4.D; Stuttgart: 2.Mk; Tallinn: M; Tartu: M; Wien J; Zagreb: 2.S; Radio-Côte-d'Azur: V; Lisbono: V.; Ljubljano: D; Zagrebo: 2.S.

**Resumo pri la semajna programo en Esperanto:** Danzig: S; Freiburg: V; Heilsberg: S; Königsberg: S; Stuttgart: V.

**Esperanto-kursoj per Radio:** Aachen: D; Dresden: D; Geneve: J; Köln: D; Langenberg: D; Le Havre: 2.V; Leipzig: D; Lille P.T.T. Nord: D; Münster: D; Paris P.T.T.: J; Hilversum: D; Lausanne J; Lisbono: S; Sottens: J.

**Aŭskultu la Esperanto-dissendojn! Skribu al la Radio-sendstacioj!**

# BIBLIOGRAFIO

*Verkoj, de kiuj ni ricevas unu ekzempleron, estas citataj sub ĉi tiu rubriko. De tiuj, kiujn ni ricevas duekzemplere, ni publikigas recenzon.*

*Ĉiuj verkoj estas haveblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien; poŝtĉeko nº 1689.58.*

*ESPERANTO-PARADIGMARO. — Kondukilo por instruado en kursoj kaj kluboj, de D-ro Robert Raupp, Freiberg i. H., Germanujo (propra eldono). 48 Paĝoj 22x15 cm. Prezo: Fr. 8,50.*

*LA STRANGA BUTIKO de Raymond Schwarz, eldono de la aŭtoro; 1931; 124 paĝoj 12,5x16,5. Prezo B. .fr. 20,—.*

Ni malfermu la libron de Schwarz ĉe la fina paĝo de la libro. Ni tie legas, ke la aŭtoro, ĉe la apero de ĉiu verko sia ricevas krom la konsiloj de oficialaj kritikantoj, ankaŭ la konsilojn de nekonata kliento. Malgraŭ tiuj kritikoj subskribitaj kaj anonimaj, Schwarz restas en ĉiuj siaj libroj, la sama. Kaj pri tio ĝojos certe ĉiuj, kiuj ŝatas optimismon kaj bonhumoron. Estas certe, ĉar li tion scias, ke Raymond Schwarz nun denove malfermis butikon ĉe angulo de la stratoj ĵus cititaj, la strato Optimismo kaj Bonhumoro, kontraŭ la konata statuo de la Granda Krizo, de tiu Granda Krizo, kiu malhelpas tiom da sukcesoj, kaj kiu forrabis ĉe multaj, ankaŭ en la Esperantistaro, la gajan viglecon. Ni estu dankemaj al la aŭtoro, ĉar li enportas, kun sia libro, iom da gajeco en la domojn. Ni ne pli detale priparolu la libron. Schwarz estas eble el ĉiuj Esperantaj verkistoj, tiu, kiu plej facile povus preterlasi la kritikon, ĉu ĝi estas favora ĉu malfavora. Diru ni, ke la libro estas plena, krom ridigaj poezietoj, je ironiplenaj desegnaĵoj de karikaturisto, kies nomo estas kunmetaĵo el la granda nomo de la aŭtoro kaj tiu de la ĵus eksiĝinta ĉefministro de Francujo. Gratuloj ankaŭ do al Raymond Laval...

*RUMANA BONHUMORO en elektitaj rakontoj, de P. Firu kaj S. Pragano; eldonita de S. Prager. 64 paĝoj 13x19 cm. Prezo broŝ. 2 sv. fr., tole bind. 3 sv. fr. inkl. sendkostoj.*

En la antaŭparolo S. Pragano, (aŭ pli ĝuste, la Antverpenaj amikoj tion certe pliŝatos: Sigismund Prager), insistas pri la fakto, ke tiu libreto ne havas antologiajn pretendojn. La leganto trovos nur kelkajn florojn el la abunde floranta ĝardeno de la rumana bonhumora literaturo. Sed tiuj floroj vere indas la atentan tralegadon de la libro. P. Firu, same kiel nia Rumana samideano Prager, estas lerta tradukanto de tre belaj kaj gajaj paĝoj. Por ni Belgoj estas nur bedaŭrinde, ke la prezo preskaŭ ne permesas la aĉeton de la libreto. Proksiman fojon nia amiko Prager same bone pripensos tiun aspekton de la afero, kiel la tradukan parton.

*WŒRTERBUCH ESPERANTO-DEUTSCH, de Dr. Emil Pfeffer (Tagblatt Bibliothek, Vieno N. 335). Kvara eldono; 48 paĝoj, 12x18,5 cm.*

Multaj belgaj samideanoj jam posedas antaŭan eldonon de tiu certe tre bone kunmetita verketo. La kvara eldono entenas pli multajn vortradikojn kaj ordinare uzatajn esprimojn ol la antaŭa. Ĝi estas do ankoraŭ plibonigo, kaj des pli rekomendinda.

*EVANGELIO DE SINKOMPLETIGO de Okamoto-Rikici; eldono de la Japana societo « Belisma Koopera Kulturejo ». 44 paĝoj 13x19 cm.*

Nia spirita korpo havas eternan vivon kaj ĝia naturo estas la belo. Belismo estas antropologio rezonanta la homan naturon. Jen la temo de tiu ĉi propaganda broŝuro, sesa en vico de jam 9 aperintaj broŝuroj.

*NYCKEL TILL ESPERANTO (Slosilo de Esperanto). — Laŭ la normoj de I.C.K. eldonita de Eldona Societo Esperanto, Stockholm. I. 9a eldono, 100a—120a milo.*

En malpli ol du jaroj vendinte 20,000 ŝlosilojn, la sveda eldonejo esperantista reeldonis ĝin en 20,000 ekz. La nova eldono estas tute novkompostita kaj presita per kliŝoj. La vortaro estas iom pliriĉigita. La nova ŝlosilo donas tre

agrablan impreson pro sia klara preso kaj bona papero. 120,000 ŝlosiloj en la sveda lingvo, jen bona pruvo pri la multa laboro farita por nia afero!

*LA SOCIETO DE AMIKOJ (Kvakeroj) KAJ ĜIAJ ESENCAJ TRAJTOJ — Esperanta traduko de prelego de Edward Gruber, M. A., 20 paĝoj 14x21 cm. Prezo: Fr. 2,—.*

Edward Gruber estas verkisto de « Kio estas la Kvakerismo? », de « La Biblio: ĝia karaktero kaj inspiro », de « La Kristianismo kiel Vivo » k. c. Tiu ĉi broŝuro estas nova propagandilo por la kvakerismo. Ĝi estas interesa por ĉiuj, kiuj sin okupas pri tiaj demandoj.

*ESTONTA EDUKO, Alvoko al gepatroj kaj eduk-estraroj, el « Transformons l'Ecole », de Ad. Ferrière, Doktoro en sociologio, tradukis H. Danneil. Eldona Servo de U.E.A., 1, Tour de l'Ile, Genève, 1929, 1 vol. 72-paĝa, prezo 1.50 vs. fr.*

« La Konferenco pri senarmigo »! Kiom da homoj atendis savon de ĝi — kiom da homoj male dubis pri ĝia kapableco, doni al la homaro la pacon. Kial dubas ili? Ĉar paco povas regi nur se estas en la homoj pacema spirito. Ĉu estas nun en la homoj pacema spirito?

Male, sed la Aktiva Lernejo, permesante al sanaj estaĵoj konservi kaj kreskigi sian korpan kaj spiritan sanon, realigus, se ĝi estus ĝeneraligita, socian medion, en kiu milito kaj bruta perforto aŭtomate malaperus. Kia devas esti vera Aktiva Lernejo, kia devas esti moderna eduko, konforma al la korpaj kaj psikaj bezonoj de infano, kaj al la sociaj bezonoj de la homaro? La respondoj al tiuj demandoj estas priskribitaj kun tiom da precizeco kaj altspiriteco en « Estonta Eduko », verko de la mondfama pedagogo kaj sociologo D-ro Ad. Ferrière, ke pri tio ni ne insistos tie ĉi.

Homoj edukitaj laŭ tiuj principoj kaj metodoj sukcesus trovi solvon al la konfliktoj. Ili eĉ evitus konfliktojn, starigante *justecon* por ĉiuj — ne sekan, juran justecon, sed justecon kiu certigus al ĉiu laboranto tion, kio estas necesa por vivi sane kaj por ĝui vivon, justecon konsistantan el amo kaj kiu elvokus amon, laŭ la plej alta senco de tiu ĉi vorto. Tiam ne necesus plu « Konferenco pri senarmigo », ĉar propramove la homoj ne tolerus plu militon, nek armigon.

*ESPERANTO PER ESPERANTO. — Lernolibro de la lingvo Esperanto laŭ senpera (rekta) metodo, de Leono Vienano. Kun metoda enkonduko. 68 paĝoj, 18,5x13,5 cm. Eldonis: N. Sapiro, Nowolipki 8, Varsovio. Prezo: fr. 7,20.*

*LA PRAKTIKO, la gazeto kiu instruas kaj amuzas. — 1a numero (Januaro 1932) de nova, grandformata, multilustrita, monata revuo eldonita de Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, Den Haag. 12 paĝoj, 24,5x31 cm. Prezo: fr. 3,50 por ĉiu numero.*

*ALVOKO AL LA TUTMONDO KONTRAŬ LA JAPANA BUĈADO EN MANĈURIO. 4-paĝa cirkulero eldonita de Universitata Ligo kontraŭ la Japana Invado en Manĉurio. Kuo Min Universitato, Canton, Ĥinujo.*

*ESPERANTOBLADET — NORVEGA ESPERANTISTO. — Organo de Norvega Ligo Esperantista. III-a periodo. 1a (Xa) jaro. N° 1 — Januaro 1932. Adreso: Bergsliensgt. 11, Oslo. Prezo: 3 N. Kr. po-jare.*

*ORA MASKO, originale en japana lingvo verkita de Rampo Edogaŭa, kun afabla permeso de la aŭtoro tradukis Joŝiŝi Simomura. Volumo I. 112 paĝoj, 13x19 cm. Bindita. Eldonis 1931. Japana Esperanto-Asocio, Tokio.*

La leganto sekvos kun intereso kaj amuzo la aventurojn priskribitajn en tiu ĉi japana kriminal-romano, kies originalo aperis en la monata gazeto « King ». Kiel ĉiuj samspecaj libroj, ankaŭ ĉi tiu estas plena je surprizaj situacioj, kies ĝuadon ni ne forprenos de la legontoj per klarigado kritika. La traduko estas zorge farita kaj la tuta prezento de la volumo estas bela. Ni senhezite rekomendas ĝin, kaj esperas ke ĝi trovos sian lokon en la biblioteko de ĉiu libroamanto esperantista.

*LA UNUA SUPLEMENTA LEGOLIBRO DE ESPERANTO, de Kooĵi Taŝiro, 104 paĝoj, 15x21 cm., broŝurita. Eldonis 1932. Eldonejo Kiboŝa, Tokio.*

La grandlitere presita libro kun multaj bildoj enhavas serion de simplaj legaĵoj. Ĝi tre certe enkondukos multajn japanojn en la konon de nia lingvo. La volumo estas praktike aranĝita por kursoj; la dekstraj paĝoj, kun lineoj sed sen teksto, permesas la notadon de ĉiuj klarigoj donataj de la instruanto.

*FOIRO DE PARIS, 4-18 Majo 1932, kvarpaĝa reklamfolio 21x26 cm., multilustrita kun karto de Aĉetanto. Eldonita de la Foira administrejo, 23, rue N.-D.-des-Victoires, Paris 2e.*

*WARNA, La Reĝino de la Nigra Maro. Dekpaĝa ilustrita prospekto turisma pri la bulgara urbo Varna. Enhavas ĉiuspecajn informojn pri la loko.*

*PARIZAJ PAROLADOJ DE ABDUL BAHA, el la angla eldono tradukitaj de Lidja Zamenhof. 106 paĝoj 16x23 cm. Eldonis 1932: Bahaa Esperanto-Eldonejo, Weinheim (Baden), Germanujo. Prezo: RMk. 2,60.*

Tiu ĉi libro enhavas tradukon en bonega Esperanta lingvo de pli ol kvindek paroladetoj kiujn Abdul Baha, Abbas Effendi faris ĉiutage dum lia restado en Parizo je la fino de la jaro 1912.

*TRA SOVAĜA KAMĈATKO. De Sten Bergman. El la sveda tradukis Birger Gerdman. Eldona Societo Esperanto, Stockholm. I. 276 paĝ. Prezo: broŝ. sved., kr. 4,50, tole bind. kr. 6,—.*

Norde de Japanujo situas la duoninsulo Kamĉatko, plena de altaj vulkanoj, krutaj montegoj, grandegaj arbaroj kaj vastaj tundroj. En la riveroj la salmoj staras amase kiel sardinoj en skatoleto, kaj en la arbaroj vivas plej valoraj felbestoj. En tiu lando de neĝoŝtormo kaj mordanta frosto loĝas sovaĝaj malmulte konataj popoloj: kamĉatkanoj, lamutoj kaj korjakoj, kiuj gajnas sian porvivon per ĉasado, fiŝkaptado kaj boacbredado.

Tra tiuj sovaĝaj regionoj vojaĝis per tirhundoj kaj sledo la aŭtoro kun sia juna edzino dum du vintroj.

La vivoplena rakonto pri la aventuraj veturoj dumvintraj trovis la plej grandan atenton en la tuta mondo kaj la libro estas aperinta en 12 lingvoj. Eldona Societo Esperanto en Stokholmo nun eldonis ĝin ankaŭ en Esperanto.

Ĝis nun la esperanta literaturo ne posedis tian modernan vojaĝpriskriban libron.

La libro estas presita sur eleganta papero kaj ilustrita per multaj bildoj laŭ fotografaĵoj prenitaj de la aŭtoro mem kaj liaj kamaradoj. Ni antaŭvidas, ke la esperantistaro bone akceptos tiun valoran pliriĉigon de la kreskanta esperantoliteraturo.

*ALLEREERSTE ESPERANTO-LEESBOEKJE. — La Juna Komencanto voor cursussen en schoolgebruik, door H. J. Bulthuis L.K. — Unua parto: 48 paĝoj; dua parto: 52 paĝoj; tria parto: 56 paĝoj. 13,5x19,5 cm. Eldonita 1932 de W. J. Thieme & Cie — Zutphen. Prezo: la du unuaj partoj po fr. 7,—; la tria po fr. 7,70.*

*PROTOKOLARO PRI LA XIa KONGRESO DE S.A.T. EN AMSTERDAMO, 2-7 AUGUSTO 1931. — Eldono de Sennacia Asocio Tutmonda, 23, rue Boyer, Parizo XXe. 112 paĝoj 14x23 cm. Prezo: Fr. fr. 2,25.*

*ENKONDUKO EN LA PEDAGOGION. — Historia skizo de Hillar Sakaria M.E.I.E. Eldonis 1932 Esperanto-Instituto de Estonio, Tallinn. 20 paĝoj, 18x11 cm. Prezo: fr. 4,25.*

*ESPERANTO ADRESARO 1931-1932. Sudokcidenta Germanujo, laŭ stato de 1a de Marto 1931. Eldonita de Sudokcidentgermana Esperanto-Ligo (SOL) kaj Suda Ligo (Laborunuiĝo de Esperantistoj en Baden-Würtenberg), Walkmühlstr. 25, Wiesbaden. 40 paĝoj 15x10,5 cm. Prezo ne citita.*

*DUDEKTRIA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO (Krakow 1-8 Aŭgusto 1931). Oficiala Dokumentaro Esperantista, eldonita 1931 de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, 11, rue du Mont-Blanc, Genève (Svislando). 124 paĝoj, 22,5x15 cm. Prezo ne citita.*

*ESSENZA E AVVENIRE DELL' IDEA D'UNA LINGUA INTERNAZIONALE. Traduzione dall' Esperanto del Dott. P. C. Monti, con prefazione e note dell' Ing. R. Orengo. Aldono al Rivista Italiana di Esperanto, n° 12, Decembro 1931. 32 paĝoj, 17x24 cm. Deponejo: Esperanto-Centro Itala, Galleria Vitt. Emanuele 92, Milano. Prezo Lit. 2,—.*

Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO.

 *NOTU LA DATOJN!!* 

**14-16 Majo 1932:** 2la Belga Esperanto-Kongreso en ANTVERPENO

**30 Julio — 6 Aŭgusto 1932:** 24a Universala Esperanto-Kongreso en PARIZO.

 *Faciligu la taskon de la organizantoj: Aliĝu frue!* 

